## Scienca Komitato

*Prezidanto*: **Humphrey Tonkin**, Usono, University of Hartford; AdE[1]
*Vicprezidanto*: **Detlev Blanke**, Germanio, Prezidanto de la Societo pri Interlingvistiko
*Membroj*:
**Vera Barandovská-Frank**, Germanio, Universität Paderborn, AIS[2] San Marino
**Duncan Charters**, Usono, Principia College, Elsah
**Renato Corsetti**, Italio, Università degli Studi di Roma "La Sapienza"; AdE[1]
**Probal Dasgupta**, Barato, University of Hyderabad; AdE[1]
**Michel Duc Goninaz**, Francio, Université de Provence; AdE[1]
**Aloyzas Gudavičius**, Litovio, Šiaulių universitetas
**Wim Jansen**, Nederlando, Universiteit van Amsterdam
**Boris Kolker**, Usono, AdE[1]
**Ilona Koutny**, Pollando/Hungario, Uniwersytet im. Adama Mickiewicza w Poznaniu; AdE[1]
**Mauro La Torre**, Italio, Università degli Studi Roma Tre
**Maria Majerczak**, Pollando, Uniwersytet Jagielloński w Krakowie
**Geraldo Mattos**, Brazilo, Federacia Universitato de Paranao; AdE[1]
**Aleksandr Melnikov**, Rusio, Академия Сельскохозяйственного Машиностроения
**Radojica Petrović**, Serbio kaj Montenegro, Univerzitet u Kragujevcu
**Balázs Wacha**, Hungario, Magyar Tudományos Akadémia, Nyelvtudományi Intézet
*Sekretario:* **Aida Čižikaite**, Litovio, estrarano de ILEI

[1] AdE – Akademio de Esperanto
[2] AIS – Akademio de la Sciencoj, San Marino

## Science, populare kaj organize

IPR estas ne nur movada revuo sed ankaŭ iugrade scienca, ĉar pedagogoj, esperantistoj, precipe esperantistaj lingvopedagogoj, ne havas en sia fako alian strikte sciencan E-revuon. Krom organizaj kaj movadaj informoj ili bezonas ankaŭ kvalitan fakan materialon. Ĝuste pro tio estas bezonata Scienca Komitato (SK) de IPR. La fakto, ke fakaj artikoloj en la revuo estas kontrollegataj de la internacia SK interesigos pliajn kunlaborantojn el edukkampaj kaj sciencaj rondoj sendi altnivelajn artikolojn kaj tiel plialtigadi la kvaliton kaj prestiĝon de la revuo. Tial IPR eniras la jaron 2006 kun SK kiu konsistas el 17 membroj el diversaj fakoj tuŝantaj la agadkampon de ILEI, kies nomojn kaj instituciojn, en kiuj ili laboras, vi vidas ĉi-apude.

Ni dankas al ili pro la akceptita laboro por IPR. IPR daŭre restas ankaŭ informa kaj organiza organo de ILEI. Informoj kaj diskutoj pri la organiza vivo de ILEI kaj ĝiaj sekcioj kaj raportoj pri la surterena agado de esperantistaj instruistoj estas ĉiam bonvenaj kaj ne estos kontrollegataj de la SK.

Bonan laboron al la Scienca Komitato kaj prosperan jaron 2006 al ĉiuj legantoj kaj kunlaborantoj de IPR deziras:

*Estraro de ILEI*

# Novaj normoj, novaj ekzamenoj, novaj lernprogramoj

## *Ĉu ankaŭ por ni nova direkto?*

*Duncan Charters*
*Prezidanto, Internacia Ekzamena Komisiono*



Antaŭ precize 25 jaroj kunvenis dum 5 tagoj en Usono malgranda grupo de lingvoinstruistoj. Ili celis lerni novan sistemon de ekzamenado pri parolkapablo de lernantoj: 20-minuta intervjuo, kiu destiniĝis revolucie ŝanĝi la instruadon kaj lernadon de lingvoj en ilia lando. Hodiaŭ, usonaj kandidatoj celantaj prezentiĝi kiel kvalifikitaj mezlernejaj lingvoinstruistoj devas inkluzivi en sia dokumentujo oficiale atestitan indikon pri parolkapablo laŭ la ellaboritaj kriterioj de la OPI, *Oral Proficiency Interview* (intervjuo pri komunika interparol-kapablo).

Kiel tiu unua seminario povis esti la komenca ŝtupo kondukonta en unu generacio al radikala ŝanĝo en la formo de ekzamenado, instruado, instru-programado, lernolibroverkado kaj atestado de instrukapablo tra tuta Usono? Pro unu simpla kialo. Oni konstatis ke la enhavo de la tipaj lerniloj, klasoj kaj programoj ne efike progresigis lernantojn al la plej ofte esprimita celo de la instruistoj kaj deziro de la lernantoj: uzi la cellingvon komunike kun denaskuloj aŭ flue parolantoj de tiu lingvo. La unuaj intervjuoj faritaj en mezlernejoj okazis apud Princeton, Nov-Ĵerzejo, sidejo de la konata provizanto de nacie uzataj ekzamenoj ETS, *Educational Testing Service*. Tiuj intervjuoj estis faritaj laŭ sistemo jam delonge uzita en la usona registaro por mezuri la kapablon de kandidatoj por eksterlandaj ambasadejaj postenoj, kaj la tempon bezonatan por ke tiuj atingu la adekvatan nivelon post intensa trejnado. Ekzamenado de mezlernejanoj post unu, du, tri aŭ eĉ kvar studjaroj montris ke la grandega plimulto atingis la nivelon nulo (0 el 5 laŭ registara mezurilo de lingva kompetento). Tio signifis, ke tiuj lernantoj ankoraŭ ne kapablis interkomunikiĝi kun denaskaj parolantoj por plenumi la plej elementajn taskojn: prezenti sin, fari demandojn por informiĝi, vojaĝi en lando, kie oni parolas la koncernan

lingvon, havigi tie hotelĉambron aŭ ion aĉeti, gastloĝi ĉe familio ne parolanta la denaskan lingvon de la vojaĝanto.

Kio kaŭzis tiel katastrofan situacion? Pluraj faktoroj, kompreneble, inkuzive la usonan malemon lerni aliajn lingvojn ("mi bezonas nur la anglan en mia lando, kaj certe mi ĉiam trovos angleparolantojn se mi vojaĝos eksterlande"). Tamen ankaŭ konstateblis la fakto, ke instruistoj kaj lernolibroj plejofte celadis prezenti la gramatikon kaj vortprovizon de la lingvo laŭ longe akceptita, logike strukturita ordo por lingvolernado, senkonsidere pri la natura ordo de lingvoakirado, kiun sekvas sukcesaj lernantoj regule atingantaj sian komunikan celon. Anstataŭ instrui nur tiujn lingvoelementojn, kiujn posedas parolanto de la nivelo "1" (poste nomita "mezgrada" kontraste kun "novica" por la nul-nivelo), t. e. baza komunik-kapablo por elteni vojaĝon en la lando de la koncerna lingvo, lernolibroj prezentis kvazaŭ hazarde miksitajn elementojn kaj ekzercojn, kiuj estis aŭ neutilaj por komunikaj celoj, aŭ kiujn ekposedas nature parolantoj je plej diversaj etapoj de lingvoakirado, 0 (komencanta aŭ novica), 1 (mezgrada), 2 (altgrada), 3 (supera), 4 (distingita), 5 (edukita denaska). Se oni deziras ke novico (0) progresu ĝis ekposedo de la lingvo kiel mezgradulo (1), oni instruu precize tion, kion scipovas mezgraduloj, laŭ la ekzamenita pritakso de ilia komunika kapablo kaj nivelo. Kaj plej grave: oni metu ilin konstante en komunikajn situaciojn, en kiuj ili akiras ne nur la vortstokon kaj gramatikajn strukturojn, kiujn bezonas la mezgrada parolanto, sed ankaŭ la komunikajn strategiojn, kiujn oni devas neeviteble alproprigi por funkcii je la nivelo de mezgrada lingvouzanto.

Pli da detaloj pri la evoluhistorio troviĝas en la lastatempe eldonita dua eldono de la *Manlibro pri instruado de Esperanto* (ILEI/Hago, 2005). Kiel tie resumite, "Ĉefa celo de ĉi tiu nova speco de ekzamenado estis kontroli ne la materialon lernitan en klaso aŭ el lernolibro, sed ĝian aplikiĝon en normala, neantaŭvidebla konversacia situacio kun denaska parolanto de la lernata lingvo. Tiuj kriterioj same aplikiĝis al aŭskulto-komprenado, legado kaj skribado, kun similaj tabeloj de priskriboj de ĉiu nivelo."

Do alvenis trejnado pri kiel fari intervju-ekzamenon por povi konstati en kandidato la precizan nivelon de aktiva lingvouzo. Tiuj intervjuoj celas eltrovi la maksimumajn komunik-kapablojn de la intervjuatoj, kaj inkluzivas ankaŭ minimume unu situacion, en kiu la kandidato devas

rolludi kun la intervjuanto aŭ intervjuantoj (en la registaro kutime oni uzas du, por pli rigora kontrolo kaj fidindeco de la taksonivelo). Kiel tio siavice kondukis al potenciale revolucia ŝanĝo en la enhavo de lernomaterialoj, klasekzercado, lernado kaj akirado de alia lingvo? Precize pro tio, ke trejnitoj pri la intervju-ekzameno komencis pripensi kiel progresigi lernantojn plej efike al ĉiam pli alta nivelo de lingvoposedo. Mi denove citas el la *Manlibro*: "Oni turnis atenton ankaŭ al la trejnado de instruistoj kun la celo enfokusigi la 'organizan principaron' por planado de klasoj kaj kursoj, kaj plej efike gvidi la lernanton al la sekva nivelo. Same kiel oni devis fari por kandidatoj en la (usona) registaro, kie necesis, ke tiuj povu labori en difinita medio." Tiu reorientiĝo do konsistis el konsekvenca apliko de nova "organiza principaro" por modifi la premisojn kaj praktikadon de la ĝistiama lingvoinstruado.

Ĉu atendeble la nova referenc-kadro aŭ referenca framo de la *Konsilio de Eŭropo* simile influos reorientiĝon de niaj ekzamenoj, lernolibroj, instru-iloj, instrutrejnado? Certagrade jes, kiel la evoluado de novaj normoj kaj kriterioj en Usono influis ankaŭ materialojn kaj instruadon ekzemple en la kursaro de NASK (*Nord-Amerika Somer-Kursaro*). En 2004 mi ekzamenis la lernantojn por kontroli, ĉu efektive la kursanoj mezureble progresis en siaj komunikaj kapabloj laŭ la normoj de ACTFL. Mi trovis, ke la instruistoj bone faris sian taskon. Ĉiuj kursanoj enskribitaj en la unua nivelo atingis altan novican nivelon, do 0+. Pli interese, ĉiuj post-komen-cantoj atingis la saman nivelon, altan mezgradan, do 1+, malgraŭ tio, ke 4 el la 7 tiunivelaj kursanoj estis komence novicoj. Tio signifas, ke ni intence aŭ intuicie sufiĉe instruis materialojn, taskojn kaj strategiojn tiunivelajn por lasi al ĉiuj kursanoj tion atingi. Tamen ni eble ne sufiĉe inkluzivis materialon de altgrada nivelo por lasi la komence pli fortajn superi la aliajn. Tio estus tamen sufiĉe granda salto kaj la instruistoj nature adaptiĝis pli al la bezonoj de la malpli preparitaj por ke tiuj ne perdu la kuraĝon droninte en tro altnivela materialo.

Necesas tamen komenti, ke laŭ mia propra instrusperto kaj laŭ tio kion mi vidis ĉe miaj instrukolegoj kaj en niaj materialoj, ni konsideru, ke povas temi pli pri reorientiĝo, evoluo, ol pri ia grandskala pedagogia revolucio. Por instruisto, kiu ne kutimis instrui komunike, aŭ ne trejniĝis pri novaj metodoj por tion ebligi, la nova orientiĝo povas esti aŭtentika revelacio. Por instruisto, kiu ne dependas de lernolibro kaj evoluigis proprajn komunikajn materialojn, la niveloj kaj normoj donas utilan mezurilon, kiu

permesas pli precizan kontrolon pri la efektivaj lingvaj bezonoj kaj atingoj de la lernantoj, kaj sendube prezentas novajn ideojn. Tamen efika instruisto ofte jam intuicie uzadis teknikojn, kiuj gvidas la lernantojn laŭ vojo tute kongrua kun la celoj de la novaj normoj. Situaci-komunikaj materialoj, instruistoj kapablaj ilin efikigi, kaj tiucela trejnado ne mankis ankaŭ por la instruado de E-o. Kvankam abundas materialoj, kiuj ne tre favoras komunikan aliron aŭ la progresigon de la lernantoj laŭ komunikaj kriterioj, oni povas lerni adapti malnovajn (pri kiuj pluraj lernantoj cetere povas senti sin komfortaj) kaj krei novajn, kiuj respondas al la "nova ondo". Jam abunde ekzistas tiuspecaj celtrafaj materialoj en la ampleksa *Lerniloteko* de <*edukado.net*>.

Kion do ni atentu pri la novaj kriterioj de la *Eŭropa Lingva Dokumentujo* (*Lingva Teko*) kiun ĉiu lernanto rajtu kunporti ankaŭ por E-o? Certe necesas, ke la eŭropaj E-klerigejoj kaj organizoj por instruistoj pripensu sian rilaton al tiuj normoj, same kiel en Usono ni sukcesis ellabori dokumenton konsekvencan kun la kriterioj de ACTFL ankaŭ por E-o. Ni jam dum multaj jaroj informis pri ili kaj foje ekzamenis laŭ la tiucele ellaborita sistemo. *Kultura Centro Esperantista* en Svislando anoncis propran iniciaton por krei ekzamenojn laŭ la eŭropaj kriterioj. Efektive la *Validiga Komitato de la Konsilio de Eŭropo* specife kuraĝigas individuajn lernejojn kaj organizojn submeti proponojn por ilia prijuĝo kiam tiuj deziras rekoni la laboron de siaj lernantoj laŭ la kriterioj de la *Konsilio*. ILEI nuntempe aktive laboras tiukampe kaj celas kunordigi agadon de siaj filioj kaj kunlaborantaj programoj. Jam estas disponeblaj Esperantaj tradukoj de kernaj dokumentoj pri la kriterioj de la *Konsilio* en <*edukado.net*>, kaj disvastiĝis specifaj informoj pri tiuj kaj ilia graveco en la *Manlibro*.

Alia grava aspekto por nia atento estas nia profesia prepariĝo por ekzamenado laŭ la normoj. Kiom el ni trejniĝis aŭ trejniĝos por ekzameni pri aliaj lingvoj kun lingvoinstruantaj kolegoj por povi apliki tiun sperton al E-o? Oni ne povas facilanime kredi ke oni kapablas ekzameni laŭ normoj pri kiuj oni havas nur teorian ideon. Mi trejniĝis dufoje dum 5 plenaj tagoj pri la ekzamenado de la hispana lingvo laŭ la ACTFL-sistemo, la dua kiel helptrejnisto, kaj ĉiuj el ni trovis nekredeble malfacile kaj streĉe ĉiam ĝuste taksi laŭ la normoj. Eĉ trejnistoj, ne nur trejnitoj, devis "rekalibriĝi" (kontroligi sian juĝkapablon) ĉiun duan jaron en tiu sistemo. Multaj aliaj pretendis ekzameni laŭ la skribitaj kriterioj, sed posta kontrolado tiel ofte

montris gravajn misjuĝojn favore al kandidatoj, ke tio minacis kompromiti ne nur la ekzamenintojn sed ankaŭ la validecon de la sistemo mem. Kvankam la eŭropaj postuloj povas esti malpli rigoraj, la rezultoj devas esti simile precizaj, fidindaj, kaj fidele reprodukteblaj de aliaj ekzamenantoj seninterkonsulte por ke ni povu montri al eventualaj skeptikuloj kiel ni trejnis nin por atingi absolutan konsekvencon en la pritaksado. Por tion atingi, ni kredeble bezonos la kunlaboron de teamo de profesiuloj dotitaj per neordinara humileco!

La nova *Internacia Ekzamena Komisiono* kies mandato komenciĝos dum la venonta somero certe havos la taskon ekzameni kaj evoluigi kunlabore kun ILEI kaj UEA novajn direktojn por ekzamenado. Tiuj povos inkluzivi la uzadon de teknologiaj rimedoj por faciligi ekzamenadon de individuoj kaj klasgrupoj en ĉiuj mondpartoj. Duflanka agado estas antaŭvidebla: unuflanke subteno de institucioj, lernejoj, programoj, organizoj, kiuj deziras proponi ekzamenojn konformiĝantajn al la akceptitaj normoj en sia teritorio (ACTFL, *Konsilio de Eŭropo*, kaj aliaj). Aliflanke, pro tio ke necesas por ILEI plene internacia strukturo, kiu ne baziĝu nur sur eŭropa kriteriaro kiam ekzistas aliloke normoj sisteme ellaboritaj kaj egale konsiderindaj, estas dezirinda la kreo de sistemo aŭtonoma, tamen adaptebla al jam akceptitaj regionaj normoj.

Jam en Usono grupo de fremdlingvaj edukistoj el kvin ŝtatoj esploras la eblecon validigi siajn takso-sistemojn ne nur laŭ la usonaj sed ankaŭ laŭ la eŭropaj normoj. Dum la lastaj jaroj IEK daŭre provizis altkvalitajn ekzamenojn por la tradiciaj elementa kaj meza niveloj rigore renovigitaj por ĉiu petita sesio. Tiuj atentas specife ne nur la kvar lingvokapablojn sed ankaŭ la bazajn sciojn pri la Esperanta kulturo (historio, literaturo, nuntempa organizado) pri kiu edukita uzanto estu informita. IEK kaj ILEI povos ekzameni kaj la daŭran rolon de la internaciaj ekzamenoj kaj la eblecon subteni lokan ekzamenadon laŭ rigore profesiaj kriterioj.

Pri tiu lasta punkto, gravas atenti, ke la kriterioj de la *Konsilio de Eŭropo* estas specife lingvaj, kvankam ekzamenado povas inkluzivi ankaŭ intelektajn kaj kulturajn temojn, parte je nivelo B kaj plene je nivelo C, kaj la *Konsilio* evidente interesiĝas pri la subteno de pli efika kultura interkompreniĝo. En Usono, oni laŭdas multajn aspektojn de la projekto de la *Eŭropa Konsilio* tamen kritikas la mankon de eksterlingvaj kriterioj en la ekzamenkriterioj mem. Ne estas facile ekzameni kulturajn sciojn kaj interkulturajn kapablojn, tamen tiuj ŝajnas esti kernaj partoj de la

eksterlingva "esperantisteco", ĉu oni konsideras tion indiko de "identeco" kun la parolkomunumo aŭ pli intelekta ekzerco. Post longa elprovado de la "organiza principaro" de la parola komunika kapablo, la lingvoinstruistaro en Usono devis konkludi, ke necesas nova matrico por ke ĉiuj lingvoprogramoj havu komunan, pli ampleksan bazon kaj celojn tra la tuta lando. Ne estas nur lingvaj la avantaĝoj lerni aliajn lingvojn kaj interagi kun aliaj lingvanoj kaj lingvokulturoj. Antaŭ dek jaroj en 1996, la diversaj usonaj lingvoasocioj kunlaborintaj kun sia tegmenta asocio ACTFL interkonsentis pri la nova kriteriaro: "La 5 K-oj", kiu regu la edukadon de novaj lingvoinstruistoj kaj la pritakson de ĉiuj lingvoprogramoj en la lando. Kvankam oni povas konsideri Komunikadon (ne nur parole interpersonan) la ĉefa "K", ne povas foresti ankaŭ mezurebla scio, kompreno kaj sperto pri alia Kulturo aŭ Kulturoj; la ebleco rilatigi kaj integri lingvolernadon al aliaj studkampoj (Konektoj); la kapablo kontrastigi sian lingvon, kulturon, kutimojn kun aliaj (Komparoj), kaj kontakto kun partopreno en la multlingvaj Komunumoj de la mondo. Por E-o, aparte gravus du malsamaj aspektoj de kulturo kaj komunumoj. Unue, konscii pri la interne diversaj manifestiĝoj de la unika komunumo kiu pluvivigas la lingvon kaj ĝian socian kuntekston laŭ diversaj modeloj kaj ideologioj. Due, rekoni kaj profiti la unikan rolon de E-o kiel transpontilo al kompreno pri aliaj mondkulturoj kun evoluo de sento de malfremdiĝo kaj respekto de iliaj valoroj.

Trejnado de instruistoj de E-o lastatempe notinde pliampleksiĝis, kaj ĝi okazas ofte kaj diversloke dum tipa jaro. La impeto trejni gejunulojn por instrui la lingvon rezultigis la eldonon de la *Manlibro* jam menciita. La nuna evoluo kondukas al renovigo de la originala ideo de aparta Ekzameno pri Instrukapablo, kiu nepre ekzamenos kandidatojn pri iliaj scioj rilate la normojn kaj kriteriojn kiuj gvidas lernoprogramojn en la diversaj mondpartoj. La apliko de tiuj kriterioj por individuoj ne lernantaj en klasoj daŭre pligraviĝas, aparte kiam multaj eklernas la lingvon rete kaj hejmlernado fariĝas pli atentinda en diversaj mondpartoj (pli ol du milionoj en Usono). En tiu medio E-o havas apartajn avantaĝojn, ĉar individua lernado de lingvoj malofte sukcesis por la "averaĝa" lernanto. En tiu medio jam montriĝis, ke povos flori la lernado de nia lingvo, kaj ni konsciu, ke tie pli regos lernogvidantoj ol instruistoj, kiujn ni ne forgesu flegi dum ni prilaboros kaj realigos novan modelon por lernado, instruado kaj ekzamenado de E-o.

## Albanio

La nova lernojaro kiel kutime ankaŭ en Albanio akompanatas de la malfermo de novaj lernokursoj. Sed ĉi lastaj dependas de kelkaj faktoroj gravaj: unue, la ekzisto de bona lernolibro; due (kio povus anstataŭi la unuan, eĉ parte) la ĉeesto de bona instruanto; trie, la komprenemo de lernantoj kaj de iliaj gepatroj. Lastatempe en mia lernejo, kie mi instruas matematikon, mi renkontis malbon-komprenemon flanke de gepatroj. Tio montriĝis per la fakto, ke kelkaj aliĝintoj en la kurso de E-o sindetenis dirante, ke la gepatroj ne konsentas. Kial do? Mi demandis la lernantojn: ĉu la gepatroj juĝis E-on ia hereza, religieca, ideologie maloportuna aŭ danĝera? Nenia respondo. Kiam mi renkontis mem la gepatrojn, ili eldiris: "Ni ne volas, ke niaj infanoj perdu valoran tempon per la studado de neuzebla lingvo". Tiukaze, mi insistis klarigante la gravecon de E-o kiel interkomunikilo ne nur facila kaj neŭtrala, sed ankaŭ praktikebla jam nun en la mondo. Cetere mi rakontis al ili, ke E-o helpos iliajn infanojn pli rapide posedi ankaŭ aliajn fremdajn lingvojn. Tamen, plejparto de la jam sindetenintaj kursanoj ne plu revenis al la kurso. Kion fari? Ĉu estas ankoraŭ konsilinde, ke la E-lernokursojn ni gvidu senpage, kiel kutime oni faras almenaŭ en Albanio? Eble oni pli valorigus la kursojn pagendajn, same kiel okazas kun la angla kaj aliaj instruataj fremdaj lingvoj en la privataj lernokursoj plimultiĝintaj ankaŭ en Albanio.

***

Antaŭ nelonge mi estis instruanta matematikon en unu klasĉambro kun gejunuloj 18 jaraj. Subite eksonis mia portebla telefono kaj mi komprenis, ke oni vokas min defore. Estis franca studento vojaĝanta tra la mondo je studceloj kaj deziranta loĝejon en Tirana (Albanio) dum kelkaj tagoj. Mi respondis pozitive al lia alvoko, promesante al li, ke mi certigos por li tre malmultekostan ĉambron. La tuta konversacio vokis viglan interesiĝon fare de gestudentoj, kiuj ne aŭdis antaŭe pri E-o. Mi profitis de la okazo kaj parolis pri E-o dum kelkaj minutoj. Dum la sama lecionhoro eniris en la klasĉambron du miaj eksaj studentoj kiuj anoncis, ke ili ĵus akiris la bulgaran vizon por plustudi en universitato de Karlovo, gvidata de *s-ro Boĵidar Leonov*, kie E-o estas unu el la ĉefaj laborlingvoj. Post la klarigoj sekvis kelkaj demandoj kaj finfine pluraj gestudentoj petis min instrui al ili tiun strangan lingvon. *Bardhyl Selimi, <selimibardhyl@yahoo.com>*

## Barato

Mi kaj mia edzino *Annarosa* venis al Whitefield (Bangalore, Suda Hindio), je la 25-a de oktobro, invitite de *Venkatesh Reddy* (t.n. *Venki*) por instrui E-on en iom da privataj lernejoj, plejparte katolikaj. Antaŭ ni la saman sperton faris *Trevor* kaj *Katja Steele, Gabriele Corsetti, Rachel* el Francio, kaj aliaj. Ĝis nun ni instruis en du lernejoj, en la urbeto Whitefield: Holy Cross kaj St. Joseph School. En la unua la kurso ni ne estis tiel sukcesaj, ĉar senscie ni alvenis dum grava feriado (Diwali, t.e. la Hinda jarkomenco) kaj pro tio la partopreno de la infanoj estis tre malregula. Male en St. Joseph ni sukcesis kompletigi regulan kurson, al kiu partoprenis pli ol 40 infanoj 12-14-jaraĝaj. Iliaj intereso kaj scivolemo estis tre notindaj, eĉ surprizaj: ili rapide lernas, kaj ĉiam dezirus pli lerni. Jam de la artikoloj de Trevor ni antaŭsciis pri tiu sinteno, tamen sperti ĝin persone eĉ pli mirigas. Ni adiaŭis ilin hieraŭ kaj mi morgaŭ komencos en alia lernejo en la ĉefurbo Bangaloro; iliaj simplaj donacoj estis tre kortuŝaj. Hodiaŭ *Annarosa* vojaĝis hejmen. La vetero ĉi tie estas tre agrabla, post kiam dum nia alvenveturo troige pluvis. Nun estas malvarmeta aero kun brila, forta suno – io komparebla al somero en Alpa vilaĝo de Italio aŭ Svislando; kiam nuboj kaŝas la sunon, iom malvarmas. Ni havis ŝancon por iom turismi, dum la festotagoj, al Goa, Hampi, Mysore kaj Belur/Halebid. Tiuj estas tre belaj lokoj eĉ se ne multe konataj ĉe ni: imponaj klasikaj vidindaĵoj ĉirkaŭataj de belega tropika medio, riĉa de fruktoarboj kaj de akvo. Pro tio ni diskutis kun Venki alian formon de instruado kaj disvastigado, kiu povas enteni iom da turismo. Oni povus turismi per biciklo aŭ eĉ piede, kun akompano de skoltoj kiuj samtempe lernus E-on kaj pretigus tendaron, manĝaĵojn, ktp. Venki estas tre aktiva kaj helpema homo. Venki ĉiam aperas kiam estas bezono, ĉiam vizitas lernejojn por plani pluajn kursojn, ĉiam varbas por E-o (li diras ke li 'disvastigas') eĉ dum trajnvojaĝoj, en aŭtobusoj, en restoracioj. Kaj ni klopodas fari la samon. Ĉi tie priparoli E-on tute ne elvokas kontraŭemon aŭ mokemon, kiel ĉe ni: preskaŭ ĉiu neniam aŭdis pri ĝi, kaj priaŭskultas scivoleme la novaĵon. Ankaŭ en la lernejoj la sinteno de aliaj instruistoj estas, se ne entuziasma, scivolema; ili ne daŭre demandas 'al kio utilas' sed rekte konstatas ke estas intereso pri tio (do povus esti utileco). Ĉi tiu estas lando kie neniun eblecon oni antaŭforĵetas, nenion oni malŝparas, ĉar eĉ etaj ŝancoj povus utili. Estus tre dezirinde, ke ankaŭ ni esperantistoj ne malŝparu oportunecojn! Multon oni povas lerni de ĉi tiu lando.

*Sandro De Riu, <sandro@kri.it>*

**Kiu kuraĝulo havas la eblecon kaj pretas proprakoste veturi al Bangaloro por instrui E-on al lernantoj en lokaj lernejoj?** Kono de la angla, eĉ se almenaŭ elementa, estos avantaĝo. Vi devas pagi viajn vojaĝkostojn, sed vi estos surloke gastigataj. Vi rajtas resti tiom longe kiom vi volas/povas, sed almenaŭ du-tri monatojn. Se vi estas tiu kuraĝulo, bonvolu skribi samtempe al <*evoluo@esperanto.org*> kaj al Venkatesh Reddy <*esperovr@yahoo.co.in*> por interkonsenti pri la afero.

Poŝtadreso: *A. S. Venkatesh Reddy, No 216, Espero, Off Main Road, Whitefield, Bangalore-66, Karantaka, Barato/Hindujo*

## Belgio

*Katalin Kováts* ellaboris kursmaterialon de 15-30-45 horoj kun la nomo ***Arto-ŝoko*** kadre de kiu ŝi instruas E-on tra arto, speciale tra la vivo kaj verkaro de la pentristo *Vincent van Gogh*. La premiero de la kurso okazis somere 2005 en Pluezek (Francio), **nun estas organizata alia semajnfina kursoserio por la printempo en Belgio** kaj okazos plia dum NASK 2006 por la trianivela grupo. La plej grava paĝaro de la artisto kun tage 8-9000 vizitantoj <*http://www.vggallery.com/*> danke al ŝia laboro jam legeblas ankaŭ en E-o, kio estas bonega propagando por nia lingvo.



*Sur la foto videblas la fino de la kurso pluezeka...*

# Benino



De la okazinta trejnkurso por instruistoj en Togolando, la beninaj e-istoj revenis kun novaj scio kaj sperto por ŝanĝi la instrustrategion. Ili (*François Hounsounou, Latifou Gbadamassi, Pierre Houenavo* kaj *Joseph Tchok-podo*) atente kaj diligente seminariis por plibonigi la nivelon de aliaj en Benino. La 4 menciitaj dediĉas multe da tempo por prizorgi la instruadon en la kluboj (*Pacaj Metiistoj – Egaleco – Verda geamiko*) kaj al la individuaj membroj en Lokossa. Ili komencis utiligi la akiritan scion.
Sed la plej grava eraro de afrikanoj (precipe en la landoj kie la franca estas parolata) estas la prononcado de vortoj. Por eviti tiun eraron kaj stimuli la instruadon, *François Hounsounou* uzas sonkasedojn de *Liza kaj Paŭlo*, kiuj estas aŭskultitaj dum la gvidkurso. La plej uzataj materialoj por la instruado estas *Okulo, Metodo 11* kaj *Zagreba Metodo*. Krome *François H.* konsilas la uzadon de *Mazi en Gondolando*. Ĝi estas tre interesa kaj taŭgas kaj al komencantoj kaj al progresantoj.

*François Hounsounou, BP 226 Lokossa-Mono,*
*Rep du Benin, West Afrika*, <hounfranc@yahoo.fr>

## Hungario



La 15-an de okt. 2005 en la Gimnazio Berzsenyi Dániel okazis **la 22-a Pedagogia Tago de la Hungaria Sekcio de ILEI**.
La programon gvidis la ĉef-organizanto *Márta Kovács* [*vd. la foton maldekstre*]. Ĉeestis pli ol 50 partoprenantoj.
Kadre de la programo *Zsuzsa Tötösné Gados* prelegis pri la lingvopedagogiaj metodoj; *Stefan MacGill* pri la ĵus aperinta "*Man-libro de instruado de E-o*" kaj pri la lasta pedagogia konferenco okazinta en Germanio; *János Petik* prezentis prelegon kun la titolo "Ĉu ni instruas bonan E-on?"; poste *Judit Felszeghy* kaj *Balázs Wacha* parolis pri novaj le lerniloj.
Post la tagmanĝo-paŭzo *József Horváth* tre sprite prelegis pri testoj, kiel formo de kontrolo de scio. Dum la grupaj laboroj ni kompilis prov-testojn por la lingvaj ekzamenoj, kaj ni korektis kun poentumado veran tradukaĵon de ekzameniĝinto. Evidentiĝis, ke la ekzamenado estas nesimpla tasko: oni devas esti samtempe rigora kaj humana, kaj – precipe – la ekzamenanto devas labori ĉiam tute precize, ja la ekzamenatoj rajtas vidi la korektitajn laboraĵojn, krome ili rajtas peti "jurisdikcian riparon".
Dum la Pedagogia Tago estis eminenta eblo por personaj sperto-interŝanĝoj. Fine de la konferenco *Márta Kovács* parolis pri la planoj por la sekva jaro[1].

*Lajos Molnár, <ludoviko@freemail.hu>*

## Kroatio

La kroata sekcio de ILEI/KEL[2] en 2005 havis ses membrojn kaj kelkajn kunlaborantojn. Pasintjare ili kunvenis dufoje. Laŭ kolektitaj informoj momente funkcias la jenaj kursoj: En Elementa Lernejo Poćine (Rijeka) komencantan grupon gvidas s-ino *Josipa Katunar*, en E. L. Mladost (Zagreb) s-ino *Marija Jerković* gvidas miksitan grupon de 10 gelernantoj.

---

[1] Pro manko de lokaj organizaj fortoj la printempa PT en 2006 ne okazis – NdlR
[2] Kroata Esperanto-Ligo, kiu formas unu el niaj sekcioj en Kroatio – NdlR

En E. L. Sveti Križ (Začretje) *s-ro Tihomir Lovrić* gvidas kurson por 12 gelernantoj. Kurson por 10 gelernantoj en E. L. Retkovec gvidas s-ino *Judita Rey Hudeček*.

En mezlernejo de Nova Gradiška s-ino *Danijela Drakula* gvidis kurson por 15 komencantoj. Post la fino de la studjaro ŝi translokiĝis al alia lernejo kaj la gvidadon de la kurso transprenis ŝia kolegino *Manda Bunjevac*. Nun ŝi gvidas kurson por 40 gelernantoj. *Siniša Horvat* gvidas kurson en la gimnazio de Varaždin.

Kursojn okazigis ankaŭ *Kroata Fervojista Esperanto Societo, Esperanto Societo Bude Borjan, Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj, Studenta Esperanto Klubo* kaj *E-Societo Rijeka*

Gimnaziano *David Rey Hudeček* en Zagrebo gvidas komencan kurson por siaj samaĝuloj.

La 4-a sinsekva konkurso pri kono de E-o por lernantoj el elementaj lernejoj el Kroatio *Pokalo Kostrena 2005* okazis ĉi-jare en Kostrena, en E. L. Pećine. Venkis *Dobrila Avramović* (Pećine), kaj *Tea Šimičić* (Mladost). La pokalon Kostrena 2005 gajnis E. L. Mladost.



*Gejunuloj ĉe monaĥejo sur la insuleto Koŝljun*

Samtempe en la E-Domo okazis Internacia Junulara Renkontiĝo pri la temo *Naciaj Kulturoj kaj Lingvoj kaj Eŭropa Identeco*. Partoprenis junularo el Kroatio kaj Hungario. Prelegis *s-ro Zlatko Tišljar* pri *Eŭropa identeco kaj naciaj kulturoj kaj lingvoj.*
E-grupo el E. L. Mladost kun gvido de *s-ino Marija Jerković* partoprenis infanteatran festivalon en Toulouse, Francio.

*Laŭ la informoj de Emil Hrvatin, <emil.hrvatin@ri.htnet.hr>*

## Litovio

Fine de septembro 2005 en Domo de Instruistoj de Vilno komenciĝis novaj kursoj de Esperanto. Ilin gvidas *Gediminas Degesys*. Por la kurso por komencantoj registriĝis 46 studentoj el diversaj universitatoj.

*Kontaktadreso: <gedisd@yahoo.com>*

## Mongolio

Nia lernejo estas unu el la plej unuaj privataj lernejoj, kie estas instruataj Esperanto, la germana, ĉina, korea kaj japana lingvoj por 15-17-jaraj lernantoj. Unu el la plej gravaj taskoj de nia lernejo estas starigi kontaktojn kun alilandaj samnivelaj lernejoj por kunlabori en lernejaj kampoj, interŝanĝi gelernantojn, ekkonigi al alilandaj e-istoj la kulturon, viv-manieron kaj naciajn kutimojn de Mongolio. Nia adreso estas: *Ulaanbaatar 210535, Bayangol Duureg., 2-r khoroo., "Esperanto-Onon Altlernejo" (Esperanto-Onon High School). Telefono: (ofica) 976-21-945548.*

*Batzaya Tsetseg-Ulziin, <batzaya@magicnet.mn>*

## Pollando

**UAM altiras pli kaj pli da gestudentoj**

En septembro okazis la unua sesio por la novaj gestudentoj de la postdiplomaj Interlingvistikaj Studoj de UAM (Universitato Adam Mickiewicz), en Poznań. 27 kandidatoj el 13 landoj aliĝis al la trijara ekstera studado, kiu postulas surlokan partoprenon nur dum unu intensa semajno ĉiusemestre, kaj tion sekvas hejma laboro kaj reta konsultado. La multnacia partoprenantaro ebligis interesajn interkulturajn komparojn.
La unua semestro konsistis el la kursoj pri komunikado (Ilona Koutny), enkonduko en E-an kulturon (*Zbigniew Galor*), E-a literaturo de la unua periodo (*Lidia Ligęza* kaj *Tomasz Chmielik*) kaj interlingvistiko 1 (*Vera Barandovská-Frank* kaj *Detlev Blanke*). La kurson pri kulturo kompletigis

la prelegoj pri E-a teatro (*Zofia Banet-Fornalowa*), pri E-a muziko (*Floréal Martorell*) kaj pri E-aj filmoj (*Roman Dobrzyński*) okazintaj jam enkadre de la semajnfina kultura renkontiĝo *Arkones*.

Dum la sama semajno tri finstudintoj faris sukcesan finekzamenon defendante sian diplomlaboraĵon pri metodiko gvidatan de *Katalin Kováts*: *Alain Delmotte* (Belgio): Analizo de la vortprovizo en kvar lernolibroj; *Iwona Kocięba* (polino el Belgio): Instruado de la akuzativo; *Mónika Molnár* (hungarino el Svislando): Muziko en la instruado.

*Arkones* regalis la diligentajn gestudentojn per multe da elstara muziko (*JoMo, Jacques Le Puil, Georgo Handzlik, Suzanna Kornicka, Jacques LePuil, Paulo Moĵajev, Natalia Stiĵnjova, Yas Kawamura, Moliere Ngangu, Robert von dem Borne, la bandoj Dolchamar' kaj Krio de l' morto*) kaj per aliaj kulturaj eventoj: de diverstemaj prelegoj tra oratora konkurso ĝis te-ceremonio. *Ilona Koutny, <ikoutny@amu.edu.pl>*

## Serbio

**En la urbo Niŝ okazis kongreso de pedagogoj** jam la 3-an fojon, sed E-o la unuan fojon aperis en ĝia programo. Verŝajne pro la fakto, ke estis promociita la libro *PEDAGOGIO de la PACO* kaj mia temo estis „*Esperanto – la lingvo de paco*”, kaj tiel estis kunligo.



Mi havis bedaŭrinde nur 15 minutojn je dispono, sed mi parolis pri programo de Unesko kaj miaj vojaĝoj al Irano kaj al Afriko. Mi ekspoziciis 40 fotojn je formatoj A4 kaj tio estis efika, ĉar la fotoj ĉiam kaptas la homojn. Ili gratulis min pro la kuraĝo vojaĝi tien, sed mi diris, ke tie la homoj havas la samajn korojn kiel ni, ni diferencas nur laŭ la eksteraĵoj.
La kongreso akceptis rezolucion, kaj sub punkto 9-a oni povas legi: „La kongreso proponas, ke en Serbio estu instruata Esperanto en lernejoj."

*Tereza Kapista, <terezesp@EUnet.yu>*

## Tajvano

Kadre de la ekster-kursara agado ekde la pasinta septembro ni havas E-kurson en la mez-alta lernejo, kie mi instruas la anglan. Tiu lernejo nomata 'Ping Rong high school' estas unu el la plej grandaj en la sudo de Tajvano kun ĉirkaŭ 3000 studentoj. Dum la pasinta lernojaro la kurso havis 14 studentojn, el kiuj nur 4 finis la kurson. Ĉi-jare 24 aliĝis al la kurso kaj ili estas pli bonaj studentoj (15-17-jaraj), konsiderante ilian fakon kaj ankaŭ nivelon de la kono de fremdaj lingvoj. *F-ino Yin-hua CHUANG (Ingrid)* ankaŭ ĉi-jare helpas pri la instruado kaj en necesa kazo klarigas gramatikaĵojn en la ĉina lingvo. Ni uzas la lernolibron "Saluton", ĉar laŭ iuj ĝi estas bel-aspekta, bon-enhava kaj memlernebla libro.



*Reza Kheir-khah,<Rezamenhof@yahoo.com>,*
*Chung Ching Lu 105, TW-900-52 Ping Tung, Tajvano*




## Zsófia Kóródy, *kunlaboranto de ICH*

*Oni ofte trovas informojn venantajn el Germanio de Interkultura Centro Herzberg. Do mi demandas rekte unu el la kunlaborantoj, kiun rolon fakte havas ICH?*

La tri ĉefaj roloj estas: loka agado kunlabore kun esperantistoj el la regiono, ofertante la kutimajn regulajn lingvokursojn, organizante klubkunvenojn, kaj de unu jaro ni kunagas kun la urba registaro por revigligi kaj plilarĝigi per E-o la ĝemelurbajn kontaktojn. Laŭ la interkonsento de la urbestroj de Herzberg (DE) kaj Góra (PL) komenciĝis modelprojekto uzi E-on kiel pontlingvon por la civitanoj de la ĝemelurboj. Paralele okazas lingvokursoj en ambaŭ urboj, en julio 2005 ni trejnis 7 instruistinojn el Góra, el kiuj kelkaj jam instruas la internacian lingvon en siaj lernejoj. En Herzberg ni instruas unu lernejan grupon jam de septembro, en la gimnazio komenciĝos kurso en februaro, kaj jam komence de januaro anoncis sin pli ol 40 gelernantoj. Krome ni varbas kaj informas vaste: regule aperas niaj artikoloj en la regiona gazeto kaj unufoje monate ni malfermas la pordojn por la ne-esperantista publiko. Dum tiuj Interkulturaj Vesperoj niaj gastoj povas aŭskulti prelegojn pri lingvaj problemoj, kulturoj de la mondo kaj diversaj aliaj interesaj temoj en la germana lingvo.

*Kio estas la aliaj du roloj?*

La dua ĉefrolo estas tutlanda: la centro en Herzberg estas la oficiala klerigejo kaj pluklerigejo de GEA. Tio signifas okazigon de lingvokursoj en ĉiuj niveloj plurfoje jare, kun 4-6 intensaj studhoroj kaj tuttaga programo por la kursanoj. La tradiciaj semajnfinaj Studsesioj servas por tiuj, kiuj ŝatus fariĝi E-fakuloj, kursgvidantoj, diplomitaj instruantoj. Ni invitas gastprelegantojn el la plej diversaj fakoj, en la studprogramo enestas E-literaturo, historio, lingvistiko, interlingvistiko, didaktiko, metodologio, varbado, kulturo, ekz. kaj la gestudantoj devas mem prelegi, verki eseojn,

kaj trapasi finajn ekzamenojn. En Germanio bedaŭrinde ne estas ŝtata altlernejo aŭ universitato, kie oni povus akiri E-diplomon, do ni mem ellaboris la studprogramon kaj koncerne lingvoekzamenojn ni kunlaboras kun Germana E-Instituto.

*Ĉu Germana E-Centro plenumas pluajn gravajn taskojn?*

Ni eldonas la studmaterialon por la plej gravaj studtemoj de niaj klerigkursoj, organizas kaj donas lokon por fakseminarioj, ekz. pri komputado, naturkuracado, tradukado, anoncas preparkursojn por naciaj kaj internaciaj ekzamenoj. En 2005 la unuan fojon okazis en Herzberg Tutlandaj Pedagogiaj Tagoj kunlabore kun ILEI. En 2006 GEA fariĝos 100-jara kaj ni rolas kiel LKK por la Germana E-Kongreso en Braunschweig kaj organizos ankaŭ la aŭtunan Germanan Fervojistan Kongreson en Herzberg.

*Por tiom da taskoj vi nepre bezonas multajn kunlaborantojn. Kiuj helpas vin?*

Entuziasmaj helpantoj el la regiono, porokazaj kunagadantoj, la t.n. ICH-teamo. La plejmulto de la laboro estas farata de Otto Kern, Cseh-instruisto, Zsófia Kóródy, instruistino diplomita de ELTE-Universitato en Budapest (HU), rajtigita ekzamenantino, GEA-komisiitino por instruado, kaj Peter Zilvar, Cseh-instruisto, rajtigita ekzamenanto, GEA-komisiito por klerigado. Li jam de jardekoj gvidas la regionan E-Societon, post kiam li finis interlingvistikajn studojn en Poznań (PL) danke al lia iniciatemo ekestis E-Centro en Herzberg, kiu nun havas taŭgajn kurs- kaj seminari-ejojn, ampleksan bibliotekon, gazet-, video- kaj sonarkivon.

*Se mi ne eraras, tio estas la tria rolo de ICH, ĉu ne?*

Jes, ni ofertas niajn servojn al la tutmonda esperantistaro, nia centro funkcias dum la tuta jaro. Ni havas multajn kaj ankaŭ serĉas novajn internaciajn kontaktojn kun E-bibliotekoj, arkivoj, aliaj E-centroj, kaj volonte engaĝiĝas en internaciaj projektoj. Al la lingvo- kaj fakkursoj estas atendataj kursanoj el ĉiu mondparto. Ni organizos ankaŭ internaciajn UEA/ILEI ekzamenojn, laŭ bezono eĉ kun preparkurso. Situante en Meza Germanio la Centro estas facile atingebla kaj havas ĉiujn bezonataĵojn por konferencetoj, prelegoj, kunsidoj, ktp. Ankaŭ individuaj studemuloj povas

pasigi ĉi tie tagojn, semajnojn, lerni, verki, perfektiĝi, esti kiel membro de „Verda Familio”. Kompreneble eblas veni kaj nur ripozi, ekskursi en la najbara Nacia Parko Harz.

*Mi esperas, ke vi povos realigi viajn planojn, kaj deziras al via laboro multe da persisto kaj energio, kaj al via centro sukcesojn ankaŭ en 2006!*

*Katalin Kováts, <katalin.kovats@wanadoo.nl>*

***Por via notlibro***

# Scienca Simpozio dum ILEI-Konferenco

Pasintjare ILEI-Konferencon en Kaunas apogis Vilnius Universitato Kaunas Humanisma Fakultato kaj ĝuste pro tio aperis ideo, ke esperantistaj pedagogoj povas starigi profesiajn kontaktojn kun neesperantistaj pedagogoj el la universitata medio. Plej oportune estas fari unutagan aranĝon por la lokaj sciencistoj kaj esperantistoj, ĉar la universitatanojn ne povas interesi la tuta programo de nia konferenco, parte pro la lingvaj bariloj. Malgraŭ, ke multaj scias pri la ekzisto de E-o kaj estimas ĝin, sufiĉe malmultaj konas kaj uzas la lingvon por siaj bezonoj. Tiamaniere aperis la ideo pri unutaga simpozio, laŭ konferenca temo. Estis pretigitaj informilo, aliĝilo, kiujn ni dissendis al la 7 universitatoj de Kaunas. Kvankam somere multaj kolegoj ferias, ni havis gastojn ne nur el la fakultato, kiu apogis la konferencon, sed ankaŭ el aliaj altlernejoj de la urbo. Ĝis nun oni varme rememoras la aranĝon kaj ĝojas pri personaj kontaktoj, kiujn oni trovis pere de E-o kun kolegoj el aliaj landoj. Eĉ ĝis nun mi ricevas demandojn, kiam denove okazos la konferenco en Kaunas.

La simpozio plaĉis ankaŭ al esperantistoj[3]. Pro tio nia estraro decidis daŭrigi la komencitan praktikon kaj fari ĝin tradicia.

Kiel vi jam legis en IPR 4/05, ILEI konferenco ĉi-jare okazos en Parma, Italio la 25-29-an de julio. La 27-an de julio (ĵaŭde) okazos Scienca Simpozio laŭ la konferenca temo *Lingvaj rajtoj, lingvolernado kaj edukado por ĉiuj*. Gastigos la Simpozion en la aŭlo “Meazzi” la Universitata Departamento pri Fremdaj Lingvoj. Dum la Simpozio estos traktataj la

---

[3] Pri ĝi vi povas legi raporteton de David Kelso (Britio) en IPR 3/05 aŭ Litova Stelo 3-4/05.

subtemoj: 1) Lingvaj rajtoj en la lernejoj; 2) Edukmodeloj en pluretnaj socioj; 3) Modeloj kaj ekzemploj de interkultura edukado; 4) Kvalitaj lingvoinstruistoj por kvalita lingvo-lernado; 5) Instruado de lingvoj kiel formo de sociigo, 6) E-o en lernejoj kaj interkultura komunikado.
Oni povas prelegi en la lingvoj E-o; itala, litova, angla, germana kaj franca (kun traduko al E-o). Prelegontoj ne konantaj E-on, estas petataj sendi resumon de la prelego en unu el la supre listigitaj lingvoj.

Taskon de la sekretario de organiza komitato akceptis la ĉefa loka organizanto de la Konferenco, *Luigia Oberrauch Madella*. Ili klopodos pretigi vere altkvalitan kunvenon, kiu estos utila kaj por esperantistaj kaj por neesperantistaj pedagogoj. Kelkaj famaj sciencistoj (kaj esperantistoj, kaj ne esperantistoj) jam konsentis kunlabori en la scienca kaj organiza komitatoj de la Simpozio. Programo de la Simpozio estos finpretigita en julio kaj ĝin vi trovos en la konferenca libro, en kiu aperos ankaŭ la resumoj de ĉiuj simpoziaj prelegoj.

Aliĝi al la Simpozio oni povas ĝis la 31-a de majo 2006. Por tio necesas plenigi aliĝilon kaj sendi noticon de la prelego al unu el la organizantoj:

– *d-ro Davide Astori: <davide.astori@katamail.com>*
– *Luigia Oberrauch Madella: <silkovojo@aliceposta.it>*
– *Aida Čižikaitė: <aidute@mail.lt>*

La organiza komitato sendos al la aliĝintoj informojn pri la partopreno ĝis la 20-a de junio kaj la simpozian programon ĝis la 15-a de julio 2006. Se vi volas riĉigi per prelego la programon de la Simpozio aŭ havas konaton kiu dezirus aŭ povus tion fari, bonvolu turni vin al organizantoj.

Aliĝilo al la simpozio aperos en IPR kaj retpaĝo pri la Konferenco. En la retpaĝo eblos legi pliajn informojn pri la Konferenco kaj Simpozio. Bv. viziti nian paĝaron <*www.ilei.info*> kaj vi ĉiam trovos ion utilan tie.

## Komuna vojaĝo al UK

Kiel vi informiĝis en IPR 4/05 aŭ nia retpaĝaro <*www.ilei.info*> post la 39-a ILEI konferenco en Parma (Italio) 2006 oni organizas komunan vojaĝon al UK kaj ekskurson survojan.
Kiel la unua ebleco estis antaŭvidita ebleco viziti urbon Massa, survoje ĝui pitoreskan pejzaĝon de Apeninoj kaj tiun de malgrandaj urbetoj en verdaj valoj. Tamen la ĉefa celo estis viziti la E-bibliotekon en la urbo Massa. Pro

tio, ni, organizantoj, cerbumis pri du eblecoj: 1) pli oportuna, sed pli multekosta veturo per luita aŭtobuso 2) malpli kosta, sed malpli oportuna veturo per trajno. Tamen, evidentiĝis, ke en Italio oni tre strikte observas ŝtatajn leĝojn kaj neniamaniere ni sukcesis atingi permeson eniri Ŝtatan Arkivon, kiu gastigas la bibliotekon. Pro tio ni estas serĉantaj alian eblecon. De Parmo al Florenco oni povas veturi ankaŭ per alia vojo. Ĝi iras tra la urbo Bolonjo, en kiu situas la unua universitato de Eŭropo (fondita en 1087), fama muzik-akademio, en kiu lernis multaj mondfamaj komponistoj. Ankaŭ trotuaroj en la malnova urbo estas vere unikaj (pavumitaj per marmoraj ornamaĵoj) kaj ankaŭ la freskoj surplafonaj estas nepre rigardindaj.
Trajna veturado de Parmo tra Bolonjo al Florenco kostos ĉirkaŭ 17 EUR popersone, sed, same kiel en la antaŭa propono, ĝi estos malpli oportuna, ĉar necesos ŝanĝi trajnon en Bolonjo kaj zorgi pri pakaĵoj, se aperos deziro promeni en la urbo. Ni esploros ankaŭ la prezon de luebla buso laŭ tiu vojo, kiu certe estos pli granda ol prezo de trajno, sed ĝi estos pli oportuna: ni ne devos ŝanĝi veturilon kaj ne necesos zorgi pri pakaĵoj promenante. Eble ni eĉ konvinkos iun lokan esperantiston ĉiĉeroni nin tra la urbo.
Kion ni povas promesi? Ni aranĝos ĉion laŭ la deziro de konferencanoj. Konkretajn informojn ni sendos al ĉiu aliĝinto persone.[4]
Ĝis revido en Parma fine de julio!

*Estrarano pri konferencoj, Aida Čižikaitė*

## El la listo [e-ins] la 15-an de novembro 2005

Antaŭ iom da tempo mi diskutis kun alia E-instruanto pri la problemo, ke kutime oni instruas al multaj homoj kaj poste en Esperantujo restas nur tre malmultaj. Kiel oni povas atingi la "finan venkon" ĉe unuopa lernanto, nome la staton, ke li aŭ ŝi kapablas interparoli en E-o, legi kelkajn librojn aŭ libretojn, foliumi kelkajn gazetojn, viziti kelkajn E-kunvenojn aŭ renkontiĝojn - resume, ke li aŭ ŝi estas tiom forte kaj per tiom multaj personaj rilatoj ligita al la E-komunumo, ke la probablo de malapero fariĝis malgranda?

[4] Se Vi havas demandojn, bonvolu skribi aŭ telefoni. Kontakteblecoj estas menciitaj en informilo kaj aliĝilo al la konferenco, ankaŭ troveblas en nia retpaĝaro kaj ĉiu numero de IPR.

Mi pli kaj pli kredas je tio, ke estas ĉefe unu sukcesa maniero „produkti" pliajn E-parolantojn: fari el ĉiu taŭga eklernanto apartan (enmensan) projekteton kun E-lingva respondeculo, kiu tenas la kontakton. Tiel oni gvidu la novulon tra interparoloj kaj E-aranĝoj ĝis la baza lingva kapableco kaj orientiĝo en nia lingva komunumo - iusence la ensociigo en E-ujon.
Cetere, pluraj aliaj E-parolantoj rakontis al mi, ke en la komenco ĉe ili estis ĉefe unu homo, kiu kontaktis kaj rekontaktis ilin; same estis ĉe mi. Tial mi ekaplikis tiun metodon kaj konstatas bonajn sukcesojn. Mi nun preferas bone instrui en nur unu kurso kaj subteni per telefonado kaj aliaj kontaktoj la pli interesitajn lernantojn, ol instrui en pluraj kursoj sen tiu kroma prizorgado. Interesas min viaj komentoj.

*Lu Wunsch-Rolshoven, EsperantoLand*
*<http://www.EsperantoLand.org>*

## UEA ĉe Eŭropa Lingva Konsilio[5]

Eŭropa Lingva Konsilio (ELK), kiel legeblas ĉe ĝia rethejmo *http://web.fu-berlin.de/elc/en/index.html*, estas sendependa asocio, kies ĉefa celo estas la kvanta kaj kvalita plibonigo de la kono de la lingvoj kaj kulturoj ene de Eŭropa Unio kaj pli vaste. En ĝi membras institucioj de supera edukado, naciaj kaj internaciaj asocioj kun specifaj interesoj pri lingvoj. Ekde la naskiĝo de ELK UEA membras en ĝi klopodante inkludigi almenaŭ kunkonsideron de E-o kiel unu el multaj eblaj kaj studindaj solvoj por la multfaceta internacia komunikproblemo.
En la 7-a eksterordinara Ĝenerala Asembleo de ELK, okazinta en Bruselo, la 20-an de januaro 2006, flanke de UEA partoprenis Wim Jansen. Kiel ĉiuj aliaj partoprenantoj, li havis okazon sufiĉe detale prezenti sin mem kaj sian organizon. En sia raporto pri la evento li turnas la atenton, interalie, al ENLU (Eŭropa Reto por la Antaŭenigo de la Lernado de Lingvoj fare de Universitataj Studentoj) kaj projekto DYLAN (*Language Dynamics and Management of Diversity*) aprobita por financado de la Eŭropa Komisiono.
Rilate al ENLU rekomendinda estas partopreno de kompetentaj esperantistoj delegitaj de UEA en planata konferenco en Nancy, por kiu la preparoj daŭros ĝis la mezo de februaro. Almenaŭ du atelieroj (tiu pri lingvopolitiko kaj tiu pri la rolo de la instrulingvo en la universitatoj) estus

[5] Laŭ raporto de Wim Jansen pri partopreno en Ĝenerala Asembleo de ELK.

interesaj por UEA kaj E-komunumo, donantaj ŝancon konsiderigi E-on en la lingvopolitika bastiono de EU kaj rekonigi UEA kiel seriozan kaj aŭskultindan partneron.

DYLAN estas grandskala kaj ambicia esplorprojekto laŭ tri linioj (tre skize resumitaj):

1) avantaĝoj de multlingvismo por la kon-socio;
2) avantaĝoj de multlingvismo por la labor-socio;
3) kostoj/ŝparoj de multlingvismo kontraŭ unulingvismo surbaze de unu komune akceptita *lingua franca* kaj la risko je kvalitperdo en (asimetrie) unulingva grupo.

Indus enplekti E-on fare de ekspertoj-esperantistoj aŭ ekspertoj-'simpatiantoj' en la pli ampleksan temaron de DYLAN.

Kaj jen la konkluda impreso de Wim Jansen: "Mi kredas, ke la membreco de UEA en ELK estas daŭrigenda, almenaŭ en la nuna kunteksto kaj dum la venontaj kelkaj jaroj, post kiam eventuale reaprezo de la situacio povus esti konsiderata. ELK ja moviĝas precize en tiu kampo, en kiu ni serĉas enireblon kaj rekonon."

Ĝi koincidas kun la komunaj streboj de UEA, ILEI kaj IEK starigi kunlaboron kun Eŭropaj institucioj cele al validigo de Eŭropa Lingva Dokumentujo – modelo por esperantistoj kaj konstruado de E-ekzamena sistemo konforma al la Komuna Eŭropa Referenckadro por Lingvoj – Lernado, Instruado kaj Taksado.

## UEA kaj ILEI en la Ĝenerala Konferenco de UNESKO

La akcepto de tri gravaj norm-donaj dokumentoj kaj la reelekto de Koïchiro Matsuura kiel ĝenerala direktoro markis la 33-an Ĝeneralan Konferencon de UNESKO, kiu kunvenis en Parizo de la 3-a ĝis la 21-a de oktobro 2005. Por la E-movado la plej interesa el la akceptitaj dokumentoj estas la Konvencio pri la Protektado kaj Antaŭenigo de la Diverseco de Kulturaj Esprimoj, en kiu UNESKO denove rememorigas pri la lingva diverseco kiel fundamenta elemento de kultura diverseco. La du aliaj novaj dokumentoj estas la *Internacia Konvencio kontraŭ Drogoj en Sporto*, kaj la *Universala Deklaro pri Bioetiko kaj Homaj Rajtoj*. En la programo de la Konferenco estis ankaŭ festo por omaĝi al la 60-jariĝo de UNESKO.

UEA kaj ILEI, kiuj estas en operaciaj rilatoj kun UNESKO, estis invititaj al la Konferenco kiel observantoj. Reprezentiĝis entute 57 el ĉ. 350 neregistaraj organizoj kun operacia statuso ĉe UNESKO. Kiel delegitoj de

UEA ĉeestis *Renée Triolle* kaj *Barbara Despiney*, dum *Jean-Pierre Boulet*, *Monique Arnaud* kaj *François Lo Jacomo* reprezentis ILEI. Krom partopreni en pluraj kunsidoj de la Konferenco, ili havis kontaktojn kun delegitoj de ŝtatoj kaj de aliaj internaciaj NRO-j.

La esperantistaj delegitoj partoprenis ankaŭ en la ekspozicio pri la UNESKO-programo "Edukado por ĉiuj". Same kiel kelkdeko da landaj kaj NRO-aj delegitoj, *R. Triolle* nome de UEA kaj *F. Lo Jacomo* nome de ILEI prezentis en du-minutaj filmetoj, kiel la du E-organizoj kontribuas al tiu ĉefa programo de UNESKO. La filmoj estis senĉese montrataj en la halo de la UNESKO-domo, kie okazis la ekspozicio.

La Konferenco elektis ankaŭ duonon de la 58-membra Plenumkomitato de UNESKO por 4-jara mandato. La alia duono konsistas el 29 membroj elektitaj en la 32-a Ĝenerala Konferenco en 2003. La Plenumkomitato kunsidas dufoje jare por kontroli la plenumon de la agadprogramoj akceptitaj de la Ĝenerala Konferenco. Kiel prezidanton la Plenumkomitato elektis la ĉinan vicministron pri edukado, s-ron *Zhang Xinsheng*, kiu estros tiun gvidorganon de UNESKO ĝis la 34-a Ĝenerala Konferenco en 2007.

## Manlibro pri instruado de E-o represita




Aperis kvincent represitaj ekzempleroj de la dua eldono de *Manlibro pri instruado de Esperanto.*

Viajn mendojn sendu al **UEA** aŭ al **ILEI libroservo:** ILEI, Pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario,
Rete: <*esperanna@gmail.com*>.

La prezo estos la sama kiel tiu de la antaŭa eldono (€ 7,50, ĉe ILEI la sendokosto estas inkludita).

Pliajn detalojn vidu en la Katalogo de <*www.edukado.net*>!

## ILEI/UEA-ekzamenoj

Kadre de la Studsesio de Germana E-Centro (Herzberg, 20 km de St. Andreasberg) dum la Printempa Semajno Internacia en Germanio (St. Andreasberg, 10-17. aprilo, 2006) estos favoraj kondiĉoj por trapasi ILEI/UEA-ekzamenojn. Kontaktu la organizantojn: *Interkultura Centro Herzberg, DE-37412 Herzberg am Harz, Grubenhagenstr. 6, +49/5521-5983, esperanto-zentrum@web.de, www.ic-herzberg.de.*

## Indeksoj por la jarkolektoj de IPR 2001-2005

32) Catil, Joseph: Raymond Gonin [*nekrologo*] 02/3. p. 19.
33) Charters, Duncan: Euroscola 2004 [*kun foto*] 04/4. p. 18-22.
34) Charters, Duncan: Pliaj paŝoj por la subteno de E-instruado 04/2. p. 26-28.
35) Chvátolová, Vladka: „Flugiloj de Malfacila Vento” dum la ILEI-Konf. 04/3. p. 14.
36) Čižikaitė, Aida: Kurso en Kaunas E-domo [LT] 03/2. p. 17.
37) Colacicchi, Anna M.: „Eŭropa tago de la lingvoj” en Peskara [IT, *kun foto*] 04/4. p. 23.
38) Corsetti, Renato – Boos, Holger – La Torre, Maŭro: Al lingva demokratio! Alvoko al la membroj de UEA/TEJO/ILEI 01/3. p. 1-2.
39) Corsetti, Renato – La Torre, Maŭro: Nova fondaĵo ĉe UEA: Edukado 03/2. p. 23.
40) Corsetti, Renato: Kiu volas, iru. Kiu ne volas, sendu!... [*kun foto*] 05/1. p. 3-5.
41) Corsetti, Renato: Kvazaŭ-nekrologe pri Zsuzsa Csiszár (1951-2002) 03/1. p. 31-32.
42) Corsetti, Renato: Zaban-e-salam / lingvo de paco 02/1. p. 34-35.
43) Daniljuk, Nina: Lingvokultura leksiko en la instruado de denaskaj kaj fremdaj lingvoj [*kun foto*] 05/2. p. 6-10.
44) De Lorenzi, Carla: Fruktodona seminario 01/1. p. 15.
45) De Méo, Rodrigo – Milani, Cecília: ILEI-BR aktivegas 03/4. p. 21.
46) De Méo, Rodrigo: ILEI-BR kaj la 39-a Brazila Kongreso… [*kun foto*] 04/3. p. 28-29.
47) De Méo, Rodrigo: Nova tempo por agado [BR, *kun foto*] 05/1. p. 20-21.
48) De Méo, Rodrigo: Prezidanto de AdE en evento de ILEI-BR [*kun foto*] 04/2. p. 21-22.
49) Disertacio pri la instruado de la planita lingvo E-o [*I.Bujdosó, kun foto*] 05/1. p. 23-25.
50) Dockhorn, Birke: „Esperanto en teorio kaj praktiko” en Aŭgsburgo [DE, *kun foto*] 03/4. p. 26-28.
51) E-instruado en francaj lernejoj 03/1. p. 23-24.
52) El la landoj kaj sekcioj [AL, AU, BR, CN, FI, FR, DE, HU, LT, NL, PL, RO, RU, SE] 03/2. p. 9-19.
53) El la landoj kaj sekcioj [AL, AU, BR, FR, JP, US] 01/3. p. 16-22.
54) El la landoj kaj sekcioj [AL, CN, FI, HU, DE-AM, CH, US] 02/3. p. 23-29.
55) El la landoj kaj sekcioj [AR, BR, GB, FR, DE, HU, MX, NL, PL, RO, RU] 03/1.p. 22-29.
56) El la landoj kaj sekcioj [AU, AT, FI, NL, PL] 02/4. p. 26-32.
57) El la landoj kaj sekcioj [AU, BE, GB, FI, FR, HU, TG, US] 01/2. p. 14-22.
58) El la landoj kaj sekcioj [AU, BR, DE, HU, IT, HR, CU, US] 05/1. p. 20-28.
59) El la landoj kaj sekcioj [AU, BR, FR, HU, IT, SCG] 04/2. p. 20-24.
60) El la landoj kaj sekcioj [Balkanaj landoj, FI, ES] 02/1. p. 26-28.
61) El la landoj kaj sekcioj [BE, BG, CN, ES, YU, PL, RO, RU, CH] 01/1. p. 15-19.
62) El la landoj kaj sekcioj [BE, BI, DE, JP, US] 05/4. p. 26-30.
63) El la landoj kaj sekcioj [BR, GB, FI, FR, DE, JP, SE] 03/4. p. 21-30.
64) El la landoj kaj sekcioj [BR, JP, KR, CR, HR, LT, NL, NO, PL, RO, TZ, US] 03/3. p. 28-35.
65) El la landoj kaj sekcioj [FI, IT, FR, DE, ES, HU, PL] 04/4. p. 22-29.
66) El la landoj kaj sekcioj [FR] 01/4. p. 36.
67) El la landoj kaj sekcioj [GB, BG, JP, TG] 04/1. p. 31-32.
68) El la landoj kaj sekcioj [GB, FR, HU, CH] 02/2. p. 25-29.
69) El la landoj kaj sekcioj [HU, IT, PL] 05/2. p. 28-33.
70) El la landoj kaj sekcioj [IN, BJ, BR, CZ, FI, IT, JP, HR, PL, RO, SCG] 04/3. p. 27-35.
71) El la landoj kaj sekcioj [IN, BR, FI, FR, HU, JP, US] 05/3. p. 23-28.

72) Elbakjan, Lida: [*El la landoj kaj sekcioj*: Germanio – Armenio] 02/3. p. 26-27.
73) Esperanto en itala ŝtata mezlernejo 04/3. p. 32-33.
74) E-kursoj en Valamo, Finnlando 02/2. p. 20-21.
75) Estraro en hungara urbeto 01/4. p. 1-5.
76) Fischer, Rudolf: Antaŭ studentoj de lingviko [DE] 03/1. p. 25.
77) Forpasis Boomee. Anstataŭ nekrologo [*kun foto*] 04/1. p. 11-13.
78) Forpasoj [*J.P. Bielinski, J. Ojalo, J. van Dijk, O. Princz*] 04/2. p. 19-20.
79) Fröhlich, Ralf Gion – Kováts, Katalin: Edukado.net 01/3. p. 2-5.
80) Gates, Ronald: Pri la instruado de Esperanto al infanoj [*kun foto*] 02/2. p. 1-6.
81) Gencheva, Mariana: Verdaj Steletoj vokas 01/1. p. 15.
82) Glossop, Ronald J.: Edukado al paco [*kun foto*] 04/4. p. 15-17.
83) Glossop, Ronald J.: Kial oni devus lerni Esperanton? 03/3. p. 21-23.
84) Glossop, Ronald J.: La historio de Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo [*kun foto*] 03/4. p. 7-11.
85) Glossop, Ronald J.: Pri nova epoko 01/4. p. 25-33.
86) Glossop, Ronald: Charlotte Irwin Kohrs [*nekrologo*] 02/3. p. 18-19.
87) Glossop, Ronald: La kulturo de Esperanto [*kun foto*] 05/4. p. 3-6.
88) Gonĉarova, Irina: Konatiga E-kurso „Faru la rondon!” (FaRo) 01/4. p. 21-25.
89) Grigorjevskij, Andrej: 12 novaj E-instruistoj trejniĝis [RU] 03/2. p. 19.
90) Grigorjevskij, Andrej: Miloj da personoj komencis lerni E-on [RU] 03/1. p. 28-29.
91) Grosjean, Mireille: Edukado pacen 02/2. p. 28-29.
92) Grosjean, Mireille: Jarraporto de la Svisa ILEI-Sekcio 2001 02/3. p. 27-28.
93) Gulenko, Viktoro: Motivoj kaj filozofioj de la 16 tipoj. Kiel ili aplikeblas en pedagogia praktiko? [*kun fotoj*] 03/1. p. 15-21.
94) Gutiérrez González, M.: Al la ILEI-sekcioj kaj Landaj Asocioj de UEA 05/1. p. 28-29.
95) Gvidataj 8-uloj [*pri la gvidilo por la lernilo Okulo*] 02/4. p. 14-15.
96) Hämäläinen, Sylvia: Rezultoj de la fabelkonkurso [FI] 04/4. p. 22.
97) Harlow, Don: AIS-kurso en Sibiu [RO] 03/1. p. 28.
98) Holland, Doroteo: El la jarraporto de la usona sekcio 05/3. p. 27.
99) Holland, Doroteo: Jarraporto 2000-2001 [US] 01/3. p. 20-22.
100) Holland, Doroteo: Jarraporto de la Usona ILEI-Sekcio 2001/2002 02/3. p. 28-29.
101) Holland, Doroteo: Jarraporto de la usona sekciestro [US] 03/3. p. 34-35.
102) Hounsounou, François: Interkulturo en Aguidahoue [BJ] 04/3. p. 27-28.
103) Houpe, Don: Pri NASK 2005 [US] 05/3. p. 27-28.
104) Hrvatin, Emil: 20 kursoj pasintjare [HR, *kun foto*] 03/3. p. 30-31.
105) Hrvatin, Emil: Pri la agado de la kroata ILEI-sekcio de KEL en 2003 04/3. p. 33-34.
106) Ignatieva, Jekaterina: Ideoj kaj proponoj pri Interkulturo 01/3. p. 8-11.
107) Ignatieva, Katja: Interkultura lernado kaj edukado: bezono kaj defio[+*foto*] 04/1.p.4-10.
108) ILEI-Konferenco 2004 [*informoj, aliĝilo*] 03/4. p. 32-36.
109) Inter vi, mi, kaj niaj kulturoj. Interkulturo 2 lanĉita [*IK2-teamo*] 03/4. p. 12-13.
110) Internacia Pedagogia Kurso en Bydgoszcz [PL] 03/2. p. 17-18.
111) Intervjuo kun Marcos Zlóv Zlotovich [BR] 03/2. p. 11-13.
112) Ipfelkofer, Jomo: Komparo de instrumetodoj [JP] 02/1. p. 11-15.
113) Isikawa, Tieko: 650 studentoj lernis E-on en du universitatoj [JP] 05/3. p. 26.
114) Isikawa, Tieko: E-instruado en supermezlernejoj [JP] 03/3. p. 29.
115) Isikawa, Tieko: Fakkunsido de ALE… [JP] 03/4. p. 28.
116) Isikawa, Tieko: Instruado de Esperanto en japanaj lernejoj 04/3. p. 22-25.

117) Isikawa, Tieko: Intensiva kurso por mezniveluloj [JP, *kun foto*] 05/4. p. 29-30.
118) Isikawa, Tieko: La 37-a Esperanto-Seminario, Ranzan 2004 [JP] 04/1. p. 31-32.
119) Isikawa, Tieko: Pri la 37-a E-Seminario, Ranzan 2004 04/3. [JP] p. 33.
120) Jegorovas, Povilas: Esperanto en mezlernejoj [LT] 03/3. p. 32.
121) Jones, Malcolm: Jarraporto de Esperanto Teachers' Association [GB] 01/2. p. 15-16.
122) Jones, Malcolm: Jarraporto de Esperanto Teachers' Association [GB] 02/2. p. 25.
123) Juna amiko – Eterne juna 02/4. p. 16-17.
124) Kapista, Tereza: La plej juna instrukapabla esperantisto…[BI, *kun foto*] 05/4. p. 27-28.
125) Kelso, David: Interkultura Simpozio dum la Konferenco 05/3. p. 13-14.
126) Kim-Lindblom, Boo Mee: Financa Raporto de ILEI 2000 01/2. p. 33-35.
127) Kim-Lindblom, Boo Mee: Financa Raporto de ILEI 2001 02/2. p. 34-36.
128) Kim-Lindblom, Boo Mee: Financa Raporto de ILEI, 2002 03/2. p. 32-35.
129) Kocięba, Iwona: La plej longa ekzameno en mia vivo [PL, *kun foto*] 05/2. p. 21-25.
130) Kocięba, Iwona: Metodika seminario kun K. Kováts [BE, *kun foto*] 05/4. p. 26-27.
131) Komitatkunsido de FIPLV 2005 septembro [*kun foto*] 05/4. p. 32.
132) Koutny, Ilona: Interlingvistiko populariĝas [PL, *kun foto*] 02/4. p. 31-32.
133) Koutny, Ilona: Profesiiĝu pri e-logio studante ĉe UAM [PL, *kun foto*] 02/2. p. 18-20.
134) Koutny, Ilona: Universitata instruado kaj instruista trejnado 01/4. p. 13-21.
135) Kovács, Márta: E-o en la abiturienta sistemo de Hungario [*kun foto*] 05/4. p. 12-17.
136) Kováts Katalin: E.V. Formaggio: Ludu kun ni! 2 [rec.] 01/4. p. 34-35.
137) Kováts, Katalin – Lelarge, Sylvain: Dumkongresa lingvoekzercado kun www.edukado.net [*kun foto*] 05/3. p. 20-22.
138) Kováts, Katalin: Edu-KoDo 04/2. p. 24-25.
139) Kováts, Katalin: Intervjuo kun Boris Kolker [*kun foto*] 02/3. p. 20-23.
140) Kováts, Katalin: Intervjuo kun Lars Forman [SE] 02/2. p. 7-12.
141) Kováts, Katalin: Intervjuo kun Mark Fettes [*kun foto*] 03/3. p. 13-15.
142) Kováts, Katalin: Intervjuo kun S.Bourot kaj G.Lagrange [FR, *kun foto*] 02/4. p. 12-14.
143) Kováts, Katalin: Kiel korekti erarojn [*kun fotoj*] 05/3. p. 38.
144) Kováts, Katalin: Kiel mi veturu al Tromso? Interaktiva ludo 02/3. p. 33-35.
145) Kurucz, Géza: Kvizoj de Juna amiko 02/2. p. 25.
146) La 39-a Konferenco de ILEI en Parmo, Italio [*informoj, fotoj*] 05/4. p. 33-38. + aliĝilo
147) La Fondaĵo Saliko restariĝas virtuale 02/3. p. 35-36.
148) La nova estraro de ILEI: Petroviĉ, MacGill, La Torre, Kim-Lindblom, Orellana Rojas, Lundberg, Blinov [*kun fotoj*] 03/3. p. 17-20.
149) La Torre, Maŭro: (Duon)Tago de la Lernejo 2001 01/3. p. 14-15.
150) La Torre, Maŭro: (Re)saluto 03/3. p. 8-9.
151) La Torre, Maŭro: Ĉu ni riskas malaperi? 03/1. p. 1-2.
152) La Torre, Maŭro: Esperanto en universitatoj [*kun foto*] 05/2. p. 3-5.
153) La Torre, Maŭro: Jar(cent)komence 01/1. p. 1-6.
154) La Torre, Maŭro: Mallevi la ambiciojn aŭ reorganiziĝi? 02/1. p. 1-4.
155) La Torre, Maŭro: Relanĉi la instruadon [*kun foto*] 02/3. p. 1-4.
156) La Torre, Maŭro: Tago de Lernejo 2003 03/3. p. 9-10.
157) Lee Jung-ke: Esperanto en Universitato Wonkwang [KR] 03/3. p. 29-30.
158) Leereveld, Marcel: Kiel mi instruas tempojn kaj participojn al aŭstralianoj [*reago*] 04/4. p. 30-31.
159) Leereveld, Marcel: Ni solvis la „galimatiajn" regulojn [*reago*] 05/3. p. 36.

160) Lelarge, Sylvain: Faru kion mi diras (sed ne kion mi faras)! 03/1. p. 29-31.
161) Leresche, Jean-Marc: Malfermita fenestro al la mondo 05/3. p. 37-38.
162) Li, Weilun: Instrua metodo de E-o en superaj lernejoj [CN] 01/2. p. 6-7.
163) Liu, Baoguo: E-Movado en Hefei Industria Universitato [CN] 03/2. p. 13.
164) Liu, Xiaojun: Kiel mi instruas E-on per Cseh-metodo [*kun foto*] 02/4. p. 7-11.
165) Liu, Xiaojun: Kiel mi instruas tempojn kaj participojn al ĉinoj. Parto I. 04/1. p. 24-27.
166) Liu, Xiaojun: Kiel mi instruas tempojn kaj participojn al ĉinoj. Parto II. 04/2. p. 15-18.
167) Liu, Xiaojun: Sistemo de edukado kaj lingvoinstruado en Ĉinio. Parto I. 04/3. p.19-22.
168) Liu, Xiaojun: Sistemo de edukado kaj lingvoinstruado en Ĉinio. Parto II. 04/4. p.13-14.
169) Luin, Ulla: Financa raporto de ILEI pri la jaro 2003 04/2. p. 6-7.
170) Lundberg, Hokan: „Flugiloj de Malfacila Vento" 04/1. p. 13-14.
171) Lundberg, Hokan: E@I – nova partnero de ILEI 03/3. p. 11-12.
172) Lytov, Dmitrio: Socioniko – talentoj kaj rilatoj [*kun fotoj*] 02/3. p. 11-17.
173) MacGill, Stefan – Kurucz, Géza: Juna amiko 02/1. p. 28-29.
174) MacGill, Stefan – Kurucz, Géza: Pri Juna amiko... 03/2. p. 29-31.
175) MacGill, Stefan – MacGill, Hajnal: Internacia Infana Kongreseto 2001 01/3. p. 12-13.
176) MacGill, Stefan: 35a Internacia Infana Kongreseto, Fortalezo 01/4. p. 6-7.
177) MacGill, Stefan: 35-a Internacia Infana Kongreseto, Lerum [*informilo*] 02/4. p. 35.
178) MacGill, Stefan: Agrabla enkondukilo [*rec.*] 05/1. p. 18-19.
179) MacGill, Stefan: Angla-Esperanta-Hungara etvortaro… [*rec.*] 03/2. p. 31-32.
180) MacGill, Stefan: De kie niaj laborfortoj 01/2. p. 1-5.
181) MacGill, Stefan: Emblemtememe 04/4. p. 37-38.
182) MacGill, Stefan: Entuziasmo kaj multo [BR] 01/3. p. 17-18.
183) MacGill, Stefan: Gvidilo por la lernolibro Okulo [*rec.*] 02/2. p. 12-13.
184) MacGill, Stefan: Hungaraj instruistoj kune refoje [*kun foto*] 04/4. p. 27-28.
185) MacGill, Stefan: ILEI aktiva en jubilea kongreso [ES] 04/4. p. 26.
186) MacGill, Stefan: Infana kongreso jam altiris tridekon! 01/1. p. 20.
187) MacGill, Stefan: Infanaj Kongresetoj – inta, onta, unta 05/4. p. 31-32.
188) MacGill, Stefan: Juna amiko – pli da gazeto, pli ol gazeto 04/3. p. 37-38.
189) MacGill, Stefan: Juna amiko 01/2. p. 31-32.
190) MacGill, Stefan: Juna amiko unujaras novoveste 05/4. p. 31.
191) MacGill, Stefan: Kiu korespondas pri medaloj sur oficiroj [*rec.*] 03/4. p. 31.
192) MacGill, Stefan: Kurso kaj planoj en Germanio [*kun foto*] 05/1. p. 22.
193) MacGill, Stefan: Libroservo en 2000 01/2. p. 32.
194) MacGill, Stefan: Manlibro pri Instruado de Esperanto 05/3. p. 35-36.
195) MacGill, Stefan: Ni observis, lernis kaj planis (CALICO) [*kun foto*] 02/2. p. 29-32.
196) MacGill, Stefan: Novaĵoj de la eldona fako 01/1. p. 21.
197) MacGill, Stefan: Plumira 04/1. p. 1-2.
198) MacGill, Stefan: Potenco al la lernanto 01/3. p. 5-8.
199) MacGill, Stefan: Raporto pri (ne)eldonado 2003 04/2. p. 7-8.
200) MacGill, Stefan: Someraj sonoj ĉe norda lago [*kun foto*] 03/3. p. 16.
201) MacGill, Stefan: Studsesio pri instruado [DE] 04/4. p. 24-25.
202) MacGill, Stefan: T-T-T-Trovu pasportajn ekzercojn 02/4. p. 16.
203) MacGill, Stefan: Unika kolokvo [US] 01/2. p. 19-22.
204) MacGill, Stefan: Varbendas, do varbiloj 03/4. p. 15-16.
205) Madella, Luigia: Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj 05/2. p. 20-21.

251) Orellana Rojas, A. – Madella, V. – Oberrauch Madella, L.: Raportoj pri la 37-a Konferenco en Bratislava [*kun foto*] 04/3. p. 9-13.
252) Orellana Rojas, A. – Petroviĉ, R.: Estrara raporto pri la jaro 2003 04/2. p. 2-6.
253) Orellana Rojas, Atilio: Ĉefartikole… 04/2. p. 1-2.
254) Orellana Rojas, Atilio: El la Sekretaria Raporto '01-Studotago '02 [NL] 02/4. p. 30.
255) Orellana Rojas, Atilio: ILEI 55-jara [*kun foto*] 04/4. p. 32-36.
256) Orellana Rojas, Atilio: ILEI-Konferenco, Kaunas. Sekretaria raporto 05/3. p. 12-13.
257) Orellana Rojas, Atilio: Jarkunsido de la nederlanda ILEI-sekcio 03/2. p. 17.
258) Orellana Rojas, Atilio: La Estraro kunsidis en Beogrado 04/1. p. 3.
259) Orellana Rojas, Atilio: La Komitato voĉdonas 04/1. p. 4.
260) Papp, Tibor: Esperanto antaŭ la franca! [HU] 03/1. p. 26.
261) Pedagogiaj Tagoj en Herzberg 2005 [DE, *kun foto*] 05/4. p. 28-29.
262) Petik, János: Pri la instruo de vortoparoj 04/1. p. 28-29.
263) Petroviĉ, Radojica: E-instruaj iniciatoj en Balkanaj landoj 02/1. p. 26-27.
264) Petroviĉ, Radojica: E-instruaj projektoj inter „Elstaraj agadoj" 02/1. p. 32-33.
265) Petroviĉ, Radojica: Estrara raporto pri la jaro 2004 05/2. p. 10-16.
266) Petroviĉ, Radojica: Estrara raporto pri la periodo januaro-junio 2005 05/3. p. 8-12.
267) Petroviĉ, Radojica: Estrarkunsido en Sarajevo 04/2. p. 9-10.
268) Petroviĉ, Radojica: Instrukapabligo kaj plilertigado de E-instruistoj 03/1. p. 3-10.
269) Petroviĉ, Radojica: Inter celoj kaj kapabloj [*kun foto*] 04/4. p. 3-4.
270) Petroviĉ, Radojica: Interkultura edukado per interreto kaj E-o [*kun foto*] 03/2. p. 1-4.
271) Petroviĉ, Radojica: Interkulturo ĉe Socrates/Comenius 03/3. p. 28.
272) Petroviĉ, Radojica: Interkulturo: nova esplortemo 04/4. p. 5-7.
273) Petroviĉ, Radojica: Kio estas ILEI? [*kun foto*] 03/3. p. 1-5.
274) Petroviĉ, R.: Kultura kaj lingva diverseco en edukado - bazaj konceptoj 05/3. p. 14-20.
275) Petroviĉ, R.: Kultura kaj lingva diverseco… – evolutendencoj [*kun foto*] 05/4. p. 6-11.
276) Petroviĉ, Radojica: Lingva kompetento kaj ĝia taksado 05/3. p. 3-7.
277) Petroviĉ, Radojica: Malĉeesta kaj ĉeesta lernado per la interreto en la projekto Interkulturo 01/4. p. 8-13.
278) Petroviĉ, Radojica: Metodika seminario en Ĉaĉak [*informilo*] 02/4. p. 36.
279) Petroviĉ, Radojica: Plijuniĝo kaj organiza refortiĝo 03/3. p. 5-8.
280) Pirlot, Germain: Esperanto en universitataj medioj [*kun foto*] 04/2. p. 18-19.
281) Pyhälä, Raita: Ĉu idealaj lecionoj? [FI, *kun foto*] 02/4. p. 27-29.
282) Pyhälä, Raita: Kursoj en Valamo [FI, *kun foto*] 04/3. p. 31-32.
283) Pyhälä, Raita: Lernolibroj de Lars Forsman [SE, *kun fotoj*] 02/2. p. 13-15.
284) Pyhälä, Raita: Tutmonda Fabelkonkurso [FI] 02/1. p. 33.
285) Pyhälä Raita: Grezijonaj lingvokursoj [FR, *kun foto*] 03/4. p. 23-25.
286) Rezolucio de la 35-a Konferenco de ILEI 01/3. p. 25.
287) Ritamäki, Anna Margareta: [*Interkulturo ĉe UNESKO*] 03/3. p. 27.
288) Roff, Derek: Muzika sidado – Grupa interkoniga ludo 03/2. p. 20-22.
289) Salomon, Thierry: SoftMemor: Helpilo por lerni, instrui kaj diskonigi E-on [*kun foto*] 02/2. p. 15-16.
290) Salomon-Csíszár, Pálma: La 21-aj Pedagogiaj Tagoj [HU, *kun foto*] 05/2. p. 28-30.
291) Schwartz, Jacob: IK-Trejnseminario 03/4. p. 13-15.
292) Selimi, Bardhyl: Jarraporto 2001/2002 [AL] 02/3. p. 23-24.

## Laŭtema indekso

**E-instruado en diversaj lokoj**

**ILEI**



*Kompilis: Jozefo Németh, <jozefo.nemeth@gmail.com>*

# Loĝado

Specimenaj ekzercoj el la vortarfina ekzercaro de ***Homa vivo kaj Loĝado*** (Prodruk, 2005)

## Vortprovizaj esploroj

***Kolektu esprimojn kaj respondu!***



1. Menciu kelkajn Eŭropajn/Aziajn/Amerikajn/Afrikajn landojn!
2. Kiujn urbajn publikajn servojn ni havas?
3. Kiuj konstruaĵoj troviĝas en urbo?
4. Kion faras fajrobrigado?
5. El kio konsistas domo?
6. Per kio oni hejtas?
7. Kiujn kostojn ni havas ligitajn kun loĝado?
8. Baza meblaro de diversaj ejoj
9. Kiuj maŝinoj helpas nin en dommastrumado?
10. Kiujn hejmajn laborojn vi (mal)ŝatas plenumi?

***Kiel oni nomas tion?***

1. Lando aŭ regiono, kiun regas fremda lando:
2. Tereno, kie ne estas montoj kaj valoj:
3. Vojo en la montaro ofte tion faras:
4. Se iu forlasas sian patrujon, povas tion senti:
5. Sur tiu tereno ludas la urbaj infanoj:



6. Tre alta domo:
7. Tiu homo laboras sur la kampoj:
8. Tiu ilo malhelpas, ke stelisto rompu domon aŭ aŭton:
9. Se la tegmento tion faras, tiam la pluvakvo aperas en la loĝejo:
10. Tie oni konservas manĝaĵojn:
11. Restaĵo post fajro:
12. Antaŭe en tiu movebla meblo kuŝis beboj:

**Enmetu la mankantajn vortojn!** Elektu el la suba listo (ne forgesu, ke vi devas aldoni la finaĵojn kaj la ĝustan verboformon.): *bakujo; banŝaŭmo/ bansalo; barilo; bordo; defluilo; faldebla; fasado; gazono/razeno; geedza/duobla; ĝismura tapiŝo; grinci; gvatotruo; konduki; kuirplato; lanterno; lignokovraĵo; ludkaĝo; lustro; odorsuĉilo; oreltranĉa/orelŝira; pavumita; pompilo; rigardi; sakstrato; ŝampuo; skraptapiŝo/ŝumato; sonorigas; sufoka; tegoloj; trablovo; ĉielertulo/milfaka majstro.*

Johano kaj Klara aĉetis domon en vilaĝo, tuj ĉe ....................... de lago, ĉar ili ne eltenas la .......................... bruon de la urbocentro. La strato, kiu gvidas al ili, estas ......................., finiĝas ĉe la lago. Tamen eblas veturi sur ĝi senprobleme, ĉar ĝi estas ...................... kaj ...................... lumigas ilian domon. Ili ne ŝatas multe labori en la ĝardeno, pro tio ili havas ................... en ĝi, kiun ili devas tamen regule tondi. ...................... ĉirkaŭas la ĝardenon. La tegmento konsistas el ruĝaj ....................... . La ...................... estas ornamita per statuetoj. Se iu ...................... ĉe la pordo, eblas kontroli la personon tra la ....................... Post frotado de la ŝuoj sur la ....................... eblas eniri la domon. Ili ŝatas la naturan ĉirkaŭaĵon, tiel la murojn de la salono kovras ......................... kaj ankaŭ ligna ....................... lumigas la ejon. Ĝiaj fenestroj ...................... al la ĝardeno. De tie koridoro ...................... al la gastoĉambro. Necesus oleumi la kelopordon, ĉar ....................... Se pro la varmo la aero estas ......................., tiam ili malfermas la fenestrojn ambaŭflanke, tiel la ....................... refreŝigas la salonon. En la banĉambro troviĝas ......................., kiun ili uzas, se en la bankuvo la ....................... ŝtopiĝas. Por banado kutime ili uzas ......................., poste la lavitajn harojn traktas per ....................... . Klara volonte laboras en la kuirejo. Sur la ceramika ....................... estas pli komforta la kuirado kaj la ....................... super la kuirilo forigas nedeziratajn odorojn. Kukojn eblas pretigi en la ...................... . La plankon de la litĉambro kovras plene .................................. La ....................... lito kaj seĝoj estas komfortaj. En la gastoĉambro estas ....................... lito, kiun eblas uzi kiel fotelon dumtage. Ilia bebo ne povas ankoraŭ libere marŝi, do ĝi rampas en ................... Johano scipovas multajn aferojn ripari hejme, li estas ................. .

---

NdlR: La ekzerco devenas el la LERNILOTEKO de <*www.edukado.net*>. Ni elektis ĝin el la tieaj 350 aliaj tiel, ke ĝi estu utila por multaj legantoj de nia revuo. La porinstruista paĝaro estas rekonstruita kaj proponas pliajn novajn servojn al siaj pli ol 800 membroj. Ni aparte atentigas vin pri la utileco de la METIEJO kaj Monda Mozaiko. En tiuj sekcioj elŝuteblas multaj pretaj materialoj, afiŝoj, horplanoj kaj ideoj ebligante al vi ŝpari valoran tempon. Indas provi. Solvojn petu de la redakcio de *edukado.net*!